# Literatura Mondo

TRIA JARO
NAUA NUMERO
BUDAPEST
SEPTEMBRO 1924

REDAKTA KOMITATO: KOLOMANO DE KALOCSAY, PAULO LENGYEL, PAULO BALKÁNYI, KARLO BODÓ, JULIO BAGHY, PAULO VARSÁNYI



ELDONEJO HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO BUDAPEST VI. EÖTVÖS-UTCA 3

LA NUNA NUMERO DE LITERATURA MONDO APERAS MALFRUIĜINTE KAJ EN PLI MALGRANDA AMPLEKSO. NIA DEVO ESTAS KLARIGI AL NIA LEGANTARO TIES KAUZOJN:

La VI-a Hungarlanda Esperanto Kongreso decidis, ke la *Hungara Esperanto Instituto* morale gardu la konstantan laŭordan eldonon de

# LITERATURA MONDO

kiel nuntempe *sola literatura kaj arta monata gazeto* en nia lingvo. La *XVI-a Universala Kongreso de Esperanto* per rezolucio alvokis la esperantistaron *helpi kaj disvastigi Literaturan Mondon* kaj la fakkunveno de la *ESPERANTISTA LITERATURA ASOCIO* akceptis *oficialan interrilaton* kun nia gazeto. Pro tio la *Hungara Esperanto Instituto*, kiu jam de kelkaj jaroj *sukcese eldonis* kelkajn valorajn verkojn, decidis *transpreni la eldonon* de la gazeto de la ĝisnuna *privata eldonanto*, por ke la gazeto apartenu *vere al la* esperantistaro. Ĉe tiu okazo ni devas aparte *danki* al la responda redaktoro *dro. Teodoro Schwartz*, kiu ebligis kaj helpis grandparte la ĝisnunan eldonon per konstanta subteno.

Pro la transpreno de la gazeto la aperigo de la septembra numero malfruiĝis kaj aperas nun kune kun la oktobra numero. Ĉar la Hungara Esperanto Instituto devas eldoni la gazeton *sur reala bazo*, laŭ la malaltega nombro de nunaj abonantoj (proksimume 300) la amplekso de la gazeto ne povas monate superi 12-16 paĝojn. Laŭ la promeso de la presejo per la baldaŭa uzado de pli malgrandaj literoj *la enhavo tamen restos la sama*, kia ĝi estis antaŭe. Nur de la abonantoj dependas, ke la gazeto plivastiĝu per kolekto de novaj abonantoj kaj anoncantoj.

Ni konscias, ke la malamikaro de Esperanto triumfos, se eĉ la sola pli granda literatura gazeto en nia lingvo ne povas daŭre aperi kaj ke nia literaturo kaj niaj verkistoj bezonas monatan organon, kie ili trovas la necesan lokon kaj ne estas nur maloftaj gastoj, kiel en la ĝeneralenhavaj kaj naciaj gazetoj esperantistaj.

*Se vi helpas Literaturan Mondon*, vi helpas la lingvan movadon, kiu bezonas *almenaŭ unu organon* kun sufiĉe spaco kaj sufiĉa *bela eksteraĵo* por pruvi al la mondo la ekziston de esperanta literaturo.

*Se vi helpas Literaturan Mondon, vi helpas* la verkistojn, plej unue la premiitojn de la lastaj floraj ludoj kaj akademiaj konkursoj:

**JULIO BAGHY KAJ DRO. DE KALOCSAY**

ke ilia laboro *ne estu vana*, sed daŭre fruktodona kaj fine ankaŭ por ili mem utila.

*Se vi helpas Literaturan Mondon*, vi helpas tiujn, kiuj ŝatus koni la florojn ĉerpitajn *el diversnacia literaturo* kaj kiuj lernas nian lingvon por serioze uzi ĝin disvastigante sian scion kaj ne interesiĝante pri la propagandaj aŭ komercaj aferoj publikigataj en aliaj gazetoj.

*Se vi estas komercisto*, kaj *se vin ne interesas literaturo*, **abonu kaj abonigu la gazeton por grupoj, kluboj, bibliotekoj, legochambroj, lernejoj, institucioj**, helpante per tio ne nur la gazeton, sed ankaŭ la konstantan efikan propagandon de Esperanto ĉe la legantaro.

*Se vi estas nia sincera amiko*, daŭrigu la abonon aŭ se vi ricevis la gazeton senpage, **abonu ĝin** kaj **kolektu abonantojn, anoncojn.**

Ni petas *nur niajn nunajn elspezojn*- bedaŭrinde altajn relative pro la altaj preskostoj, sed **ne altajn relative**, ke *ni* eldonas malgrandnombre gazeton sen pagantaj anoncoj. Se *ni* havos sufiĉajn abonantojn kaj anoncojn, ni povos duobligi la enhavon kaj malaltigi la prezon.

**Fidu en la eldonantoj** kaj en la ĝisnuna **redakta komitato**, ke ili laboras kaj klopodas por la tutmonda esperantistaro **kun kunlaborantaro vere tutmonda!**

**Ni donas premiojn al** niaj helpantoj: kiu akiras pli, ol unu abonon, rajtas depreni **ce rekta abonmonsendo 20%**, kiu akiras pli. ol kvin abonantojn, rajtas depreni **ce rekta abonmonsendo 33⅓%**. Tiamaniere *grupetoj kune povas pli malkare ricevi la gazeton* aŭ kelkaj povas havigi profiton al si.

*Kiu havas ian ajn plendon, skribu al ni* sincere pri tio. *Kiu havas ian ajn laudon pri* nia gazeto, *disvastigu tion* inter la konatuloj!

Kiu volas okupiĝi per **po ekzemplera vendado**, petu niajn apartajn kondiĉojn En multaj lokoj ankoraŭ **mankas reprezentanto!**

Ni esperas, ke la nuntempa movado povas anstataŭ la malnova pactempa *La revuo, Lingvo Internacia, Universo, La Bela mondo, La Verda Standardo*, subteni **almenau unu literaturan revuon** kaj ne respondu, ke vi jam abonas tiom da malgrandajn, efemerajn, ofte negravajn gazetojn, vi ne havas monon por la valora.

**Ciu numero de Literatura Mondo** konsistas el enhavo de malgranda literatura **libro**. Ni do *ne petas almozon*, por via mono *ni donas egalvaloron! Se vi mem ne bezonas ĝin*, helpu ĝin kaj donacu la gazeton al aliaj, kiuj efektive ne povas aĉeti ĝin.

Kiu ne povas aboni por tuta jaro, *abonu por kelkaj numeroj* au aĉetu po numere. Ni akceptas ian ajn monsumon — *ankau por nia garantia kapitalo* — kaj sendos la gazeton, ĝis la sumo elĉerpiĝas!

Pruvu, ke *la esperantistaro meritas tian penadon kaj laboron*, kian malegoiste faras konstante la redaktantoj kaj eldonantoj de la *Literatura Mondo*.

**NIAJ REPREZENTANTOJ:**

FRANCUJO: Esperantista Centra Librejo, 51 Rue de Clichy, Paris.

JAPANUJO: Nippon Esperanto Sa, Kada, Nisi-Imagaŭa Ĉo 7., Tokio.

POLUJO: Esperantista Voĉo Jaslo.

**ABONO POR „LITERATURA MONDO“**

| | |
|---|---|
| Unujara: | 1.80 dol. |
| Duonjara: | 1.— „ |
| Kvaronjara: | 0.60 „ |
| *Ponumera prezo:* | 0.16 „ |

au egalvaloro. Reprezentantoj kaj revendistoj ricevas 33⅓% da rabato!

*Sendu la abonmonon per transpagilo au en rekom. letero al nia adreso!*

Samideane salutas
HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO
Budapest, V., Eötvös-strato 3.

# „TJÚVA“*)



Tagmeze de unu varmega junia tago la vaporŝipo albordiĝis en Berezovo — granda vilaĝo apudrivera — fina celo de mia vojaĝo. Estis sezono de herbfalĉado kaj sur la bordo estis senhome, malgaje. Forestis eĉ infanoj, kiuj ordinare eĉ malgraŭ pluva vetero alkuras sur la bordon por renkonti vaporŝipon, — ĉiuj laboris.

Mi staris hezite antaŭ du miaj valizoj, kiujn porti, videble, je tiu ĉi fojo mi devis sen helpo al proksima hotelo. Kiam mi jam estis preta meti la ŝarĝon sur la ŝultrojn, subite aperis antaŭ mi de ie knabo de dekkvar jaroj proksimume, altkreska kun malkovrita kapo blonda kaj sunbruniĝintaj vangoj maldikaj. En lia maldikeco kaj en la neproporcieco de la korpmembroj estis io ridinda, stulta, sed la okuloj grizaj, lumiĝintaj per boneco kaj malruzeco, estis kapablaj subaĉeti ĉiun per sia rigardo. Li spiris malfacile kaj viŝis per sia ĉifita ĉapaĉo ŝviton, kiu gutfluis tra lia vizaĝo.

— Mi helpos al vi, sinjoro! — li diris, ĉirkaŭrigardante scivole min kaj miajn valizojn. — Kien porti?... Ĉu al onklino Mitrodora?... Ĉiuj alveturantaj sinjoroj haltas tie.

Kaj ne ricevinte ankoraŭ respondon, li senpene metis unu valizon sur sian ŝultron, la alian li prenis en la manon kaj rapide ekpaŝis supren laŭ la glate piedbatita mallarĝa sabla vojeto.

— Kia varmego!... — li parolis, paŝante. — Mi jam ses fojojn min banis hodiaŭ en la rivero... kaj malfruiĝis al la vaporŝipo. Akvon malvarman mi portis al Domna en la herbejon, ŝia filaĉo Saŝka kuŝas malsane... la edzo delonge estas en Petrogrado, li vagas tie sen okupo kaj se li iam perlaboras ion, li tuj fordrinkas ĉion, kiel mia patro... — kaj li ial ekridis. — Domna tial laboras sola, — li daŭrigis post nelonge, — en la herbejo tute forestas akvo por trinki... Oni portas ĝin kun si de tie ĉi. Nu, ĉi tiu Domna laboras de sunleviĝo... ŝia akvo jam malboniĝis pro la varmego... varmiĝis. Ĉu oni povas dum tia varmego trinki varmiĝintan akvon?... Pro tio mi malfruiĝis al la vaporŝipo. Mi renkontas ĉiun vaporŝipon, mi kuras tra ili dum haltado... Mi konas preskaŭ ĉiujn servantojn de ili... Ĉu vi konas la vaporŝipon „Marusja“? La malgrandan ŝraŭban vaporŝipon, kiu ĉiutage vespere albordiĝas tie ĉi kaj poste sin provizas je hejtoligno en Kerŝino, kiu kuŝas jen tie... sur la bordo kontraŭa?...

— Mi neniam antaŭe vojaĝis tie ĉi kaj mi tute ne konas vaporŝipojn ĉi tieajn, — mi respondis, esperante per unu fojo ĉesigi lian babiladon.

Li haltis, metis teren la ŝarĝon kaj kun miro ekrigardis mian vizaĝon kaj post nelonge, ekparolinte laŭte, li daŭrigis:

— Ĉu vi ankaŭ ne konas ĝian estron — la dikulon... nomatan de ĉiuj Paĉjo?... Lin konas eĉ ĉiu infano malgranda!... Li estas tiel bona, kiel, ŝajne, neniu. Ĉiutage vespere, tuj post la albordiĝo, granda amaso da infanoj kaj knabinoj enkuras ĝian ferdekon, ili ridas, ŝercas tie kiom ili volas kaj neniu malpermesas, neniu insultas ilin. Post nelonga halto ĉe la bordo, la Paĉjo nin ĉiujn veturigas per la vaporŝipo Kerŝino'n senpage, tie la knabinoj kaj infanoj pli aĝaj rapide ŝarĝas la vaporŝipon per hejtoligno kaj kun kantado revenas ree per la vaporŝipo ĉi tien, portante en poŝoj nuksojn kaj dolĉaĵojn, donacitajn de la dikulo Paĉjo... Ĉu vi ne kredas?... Venu hodiaŭ vespere ĉi tien kaj vidu!...

— Bone, sed antaŭe ni iru en la gastejon, — mi diris.

— Ni iru!... — li diris, levante la valizojn. — La gastejo estas proksime. Ĉu vi vidas tiun grandan domon kun elpendaĵo helverda? — ĝi estas la gastejo de onklino Mitrodora.

Post kelkaj paŝoj ni haltis antaŭ granda domo duetaĝa kun granda elpendaĵo: „Gastejo Ankro kun ĉambroj por alveturintoj“. Sur ŝtuparo, apud malfermita pordo staris sufiĉe juna virino vilaĝevestita kaj diligente brospurigis iajn vestaĵojn, kiuj pendis apud la pordo. Ekvidinte nin, ŝi forlasis la laboron kaj, ordiginte sian jupon kaj kaptukon, kiu formoviĝis flanken de la kapo, afable ŝi salutis nin.

— Tjuva nia estas bravulo — kian pezan ŝargon li hodiaŭ alportis!... — ŝi diris, prenante el liaj manoj unu valizon. — Estu pli singardema, sinjoro, tie ĉi, — ŝi poste sin turnis al mi, — la ŝtuparo estas tre kruta, ne faletu.

El malgranda koridoro ni eniris tra pordo malfermita en vastan ĉambron kun vicoj de tabloj kaj benkoj laŭlonge de la muroj. La virino metis la valizon meze de la ĉambro kaj geste ordonis al la knabo fari same. Poste ŝi ekspiris profunde kaj diris:

— Ripozu ĉi tie sinjoro!... Teon kaj manĝaĵon oni tuj preparos por vi. En la ĉambroj por alveturintoj nun estus pli sufokaere kaj pli varme, ol tie ĉi.

Kaj, sin turninte al la knabo, kiu sidiĝis ĝuste kontraŭ mi sur la planko kaj fikse rigardis mian Esperantan steleton, ŝi aldonis:

— Tjuva, karulo! La sinjoro plu ne bezonas viajn servojn, iru al la rivero kaj alpelu de tie hejmen miajn anseridojn, de mateno ili ankoraŭ manĝis nenion. Por la servo oni regalos vin en la kuirejo per supo vianda.

Li silente leviĝis de sia loko kaj rapide ekkuris, sed mi haltigis lin.

— Atendu, mi ankoraŭ ne pagis al vi! ..

Li haltis kaj, kun miro ekrigardinte la arĝentan moneron, kiun mi proponis al li, nee ekbalancis per la kapo kaj diris:

*) „Tjúva“ estas rusa popola mok-alnomo: gi signifas: „mallertulo“, „stultulo“.

— Ne donu! ... Mi nenion bezonas ... — kaj li malaperis post la enirpordo.

— Li neniam prenas monon en siajn manojn, — la virino diris kaj ekridis. — Nur estas malbone, ke oni iafoje trouzas tiun ĉi emon de li... Por diversaj servoj negravaj en la vilaĝo li estas neanstataŭebla, ĉar li plenumas ilin ĉiam volonte kaj honeste por peco da pano aŭ dormoloko, — sed labori ion seriozan li ne povas. Nia komercisto samvilaĝa, Fadeev, ekprovis unufoje alkutimigi lin al servado en la butiko: oni vestis lin per pura, konvena vestaĵo, per novaj botoj kaj enloĝigis lin en la kuirejo kune kun la vendisto... Unuvorte, ĉiuj opinis, ke feliĉo falis sur la kapon de nia Tjuva! Sed atentu, kia knabo li montriĝis: post du-tri tagoj li ekenuis, poste li rifuzis la manĝaĵon kaj senkaŭze multe ploris, fine li forkuris. Dum du tagoj la vilaĝanoj serĉis lin. Oni jam supozis, ke li iamaniere sin mortigis aŭ dronis en la rivero. Fadeev ektimis, promesis dek rublojn, nur ke oni trovu lin kiel eble plej baldaŭ vivan aŭ mortintan. Oni longe senrezulte esploris ĉiujn konstruaĵojn de la vilaĝo, la riveron kaj, fine, trovis lin maljunulo... Voronój, sur la insulo... Je duonversto de la vilaĝo leviĝas meze de la rivero negranda insulo sabla Rublevik, kovrita de densaj arbetaĵoj kaj ĉiujare dum printempo superakvata, — jen tie li estis trovita. Voronój poste rakontis: — „mi naĝis en boateto vespere apud Rublevik kaj subite mi vidas kun miro ke birdoj kun kriado flugas super la insulo. Kio okazis tie? ... Kia festo estas tie? Ĉu, gardu nin Dio, la birdoj trovis tie ian kadavron? ..." Li albordigis sian boateton senbrue kaj ekrampis sur la sablo tra la arbetaĵoj. Li rampas malrapide kaj aŭdas subite, ke inter diversvoĉa kriado de birdoj sonas homa voĉo. Kun duobligita scivoleco la maljunulo ekrampis antaŭen kaj baldaŭ, traŝovinte la kapon tra kreskaĵdensejo, li haltis frapite de la jena spektaklo: sub ombro de granda larĝbranĉa betulo duonsidas Tjuva kaj gaje ridas, ion parolante duonvoĉe kaj ĉirkaŭ li sur la sablo, sur liaj kapo, manoj, piedoj, sur apudaj branĉoj de kreskaĵoj sidas kaj flirtas nekalkulebla nombro da birdoj... Ĉiuj delonge miras, ke birdoj neniom timas lin, ke ili ŝatas lin kaj eĉ ofte akompanas lin... Nu, Voronój ne longe rigardis, la birdoj tuj eksentis danĝeron kaj ekkriis alarme kaj Tjuva jam estis preta forkuri, kiam la maljunulo ekkaptis lin je la mano... Fadeev donacis al Voronój duonfunton da teo kaj multe batis la knabon. Vespere de la tago sekvinta Tjuva ree forkuris, lasinte sur la perono de la domo de la komercisto la botojn kaj vestaĵojn, kiujn oni donis al li en la domo. De tiam li nenie loĝas konstante, sed preskaŭ ĉiutage li ŝanĝas siajn loĝejojn.

Tra la fenestroj eksonis la voĉo de Tjuva kaj la virino, maltrankviligata je la sorto de siaj anseridoj, rapideme eliris. En la ĉambo mi restis sola. Muŝoj kun teda zumado flugis grandnombre super la tablo; kaj en mia kapo; simile al ili, zumis pensoj pri tiu ĉi knabo neordinara. Mi decidis pli intime konatiĝi kun li; feliĉe, la cirkonstancoj estis favoraj al tio.

*

Ŝujga, unu el la plej kurbaĵaj riveroj, en tiu ĉi parto de sia fluo kvazaŭ faras escepton kaj en spaco de pli ol duonversto portas siajn nigrajn akvojn en tute rekta direkto suden. Ĝia dekstra bordo, sur kiu staris la vilaĝo, estis alta, jen ŝtona, jen sabla kaj preskaŭ tute kovrita de densaj arbaroj, kies fino ne estis videbla eĉ de la plej altaj preĝejturoj kaj perdiĝis el okuloj post la horizonto. La maldekstra — estis tute kontraŭa: malalta, iafoje marĉa kaj tranĉita en ĉiuj direktoj de multaj riveretoj malgrandaj. Ĉiujare printempe ĝi estis superakvata je grandega spaco kaj prezentis vere iluzion de maro. Printempe iafoje tre longe kovris ĝin akvo, pro tio tiu ĉi loko ne estis kulturebla. Kuraĝe oni povas diri, ke neniam ankoraŭ ies plugilo maltrankviligis ĝian virgecon. La loko estis tute ne loĝatigita kaj prezentis bonegan rifuĝejon por birdoj kaj ankoraŭ pli bonegan falĉkampon. Delonge tiu ĉi loko altiris atenton de ĉasistoj, kiuj amase sin direktis somere tien kun espero je ĉasaĵo, — ĝi delonge altiris al si ankaŭ min, sed ne pro sia riĉeco kaj diverseco de ĉasajo — en ĝiaj senlimaj herbejoj, en tiu ĉi regno fabela de herboj kaj floroj mi revis delonge ripozi de kelkjara seninterrompa oficservo kaj kompletigi mian negrandan herbarion. Tio ĉi estis ĝuste la celo de mia nuna vojaĝo.

La vatmegon, kiu regis dum la tago, anstataŭis malvarmeto kaj de la rivero blovis facila venteto malseka, kiam mi, provizinte min per ĉio necesa por la ekskurso, forlasis la gastaman Mitrodora'n. La ĉielo estis klara kaj ĉio en la naturo antaŭdiris bonan veteron, tiom necesan por mi. De la bordo jam delonge estis aŭdataj gaja fajfado de vaporŝipoj kaj rido kaj kantoj de vilaĝa gejunularo. Esperante nepre renkonti en ilia mezo Tjuva'n, kiu, kiel mi estis certigita, partoprenos en mia vagado, mi vigle ekpaŝis al la rivero. Ankoraŭ ne atinginte la krutaĵon, mi ekvidis grandan duetaĝan vaporŝipon, starantan apud la bordo kaj pretan fornaĝi, kion mi supozis pro densaj nuboj de nigra fumo, kiun ĝi elĵetis el siaj du grandaj blankaj tuboj. Apud la vaporŝipo amasiĝis infanoj, portistoj, rapide kurante tien kaj reen, ili rulis sur la bordon barelojn, de la vaporŝipo aŭdiĝis instigkrioj.

Mi jam alproksimiĝis al la popolamaso kaj penis per akra rigardo rekoni en ĝi la knabon, kiam li subite, kvazaŭ defalinte de la ĉielo, aperis antaŭ mi kun kapo nuda kaj kun serioza, zorgatakita vizaĝo. Videble li ne atendis renkonti min tie, ĉar, rimarkinte min, li tuj haltis, kiel enfosita, kaj, almetinte zorgeme al la brusto sian ĉapon, en kiu moviĝis ia ekzistaĵo, kun miro li ekrigardis min kaj post nelonge demandis:

— Ĉu vi, sinjoro, jam forveturas? ... Rigardu, kiel belan leporidon oni donis al mi sur la

vaporŝipo! Ĝin oni donacis en la vilaĝo al tiu riĉa knabino, kiu kuras laŭ la ferdeko kun viva pupo... Tiu ĉi pupo estas malgranda, jen kia... tamen ĝi scias fermi kaj malfermi siajn okulojn kaj paroli „panjo“ laŭ la ordono de la knabino. Ŝi montris al mi ĉion, ŝi eĉ permesis al mi iom da tempo teni en la manoj la pupon!... Mirinda knabino! Ŝi donacis al mi ankaŭ la leporidon: ŝi tre timis, ke ĝi ne toleros la malliberon kaj mortos en la urbo, aŭ pli frue oni rostos ĝin!... Kompatema knabino ŝi estas, nur mi forgesis demandi ŝin pri ŝia nomo. Mi diris, ke mi mem ankaŭ tre kompatas bestetojn sendefendajn, ke mi nenian malbonon kaŭzos al la besteto kaj morgaŭ matene lasos ĝin en la herbejon apud Kerŝino.

Mi pacience aŭskultis tiun ĉi parolon kaj, aludinte mian intencon tuj veturi trans la riveron, proponis al Tjuva akompani min. La propono estis akceptita kun neesprimebla entuziasmo: li longe ridis kaj saltis pro ĝojo kaj, unuvorte, jam antaŭĝuis la plezuron de nekutima nokta vagado tra la falĉkampo.

Post nelonge mi sidis sur ŝtono apud la akvo, tenante en la manoj la ĉapon de Tjúva kun la leporido, kiun li ne tuj konfidis al mi, sed nur post longa hezitado kaj vico de garantioj je ĝia netuŝebleco. Dume Tjuva alportis remilojn kaj malgrandan kaldroneton, kiun li antaŭvideme prenis ie.

*

— Kia estas via nomo? — mi demandis la knabon, kiam li post nelonge formetis la remilojn kaj lasis la boateton naĝi laŭ riverfluo.

— La nomo?... — li diris kun miro, ekridinte. — Ĉu vi ne aŭdis, ke oni nomas min Tjuva?...

— Sed tia nomo ne ekzistas!... Tio ĉi estas moknomo. Kia estas via baptonomo? — mi diris.

— Mi ne scias!... — kaj, ree preninte la remilojn kaj direktinte la boateton jam kontraŭ la fluo rapida, li ekparolis malrapideme, tirate: — Nomu min tiel, kiel oni nomas min... Mia patro estas drinkemulo, senlaborulo... stultulo... Nu, pro tio oni nomas lin Tjúva. La saman nomon mi heredis de li... — kaj kvazaŭ dezi-

## PLENDO DE DON JUAN

K. DE KALOCSAY

Ho feliĉuloj kiuj, kvazaŭ birdoj,
Konstruas neston dum la enamiĝo
El molaj plumoj de la dolĉaj virtoj.

Ilia saĝo estas la sufiĉo.
En malprofunda akvo de l' kontento
Fiŝetojn ili kaptas de l' feliĉo.

Malvarman teon de l' malnova sento
Sur kisofajro ili revarmigas
Se venas bona kaj laŭleĝa tento.

Dezir' de Novo ilin ne instigas,
Ne frapas per la trudo sorĉopova.
Kateno dolĉa bene ilin ligas.

En sia amo: en poem' milstrofa
Relegas ili ĝoje kaj serene:
Troviĝas en ĝi ĉiam io nova.

Ne kuras ili, iras nur promene
Ĝardenon saman. Dum trankvila iro
Elĝuas ĝian multan belon plene.

Sed mi, jen mi: infera kavaliro,
La filo de Volupto kaj Enuo,
Kaj estro kaj viktimo de l' Sopiro.

Piedoj miaj vadas ĝis genuo
En sango, larmo, ĝemo kaj ĉagreno.
Kaj post mi: la vulturo de l' Detruo...

Mi, Ahasver' de l' amo, sub malbeno
Kuradas post feliĉo furioze.
Por senti la feliĉon peza ĉeno.

Ho, se la Sorto donus jam almoze
Virinan bruston, kie skurĝa pelo
De la sopiro ĉesus ekripoze!...

Ah, legi longe el okula helo
Kvietan ravon! Resti fine, resti!
Profundojn sondi de l' trankvila belo:

Jen estus sav'! Sed, ve, mi amon festi
Nur povas per absinto de l' momento,
Konstrui neston, sed neniam nesti,

Ĉar ŝiras for la neston kruda vento
De amsopiro nova. Kaj mi kuras,
Eterna ekzilito! Ho, turmento,

Ke am' al ĉiuj inoj min torturas!
Jen, kuŝas morte sur la vojo migra
La koroj. Rerigardo min teruras:

Disŝiris ilin mia amo tigra,
Suĉanta sangon, ve, neniam sate...
Sur mia koro staras skribo nigra:

*Lasciate ogni speranza voi ch' entrate.*

*Menciita en la Int. Floraj Ludoj.*

rante ŝanĝi la temon neagrablan, li post nelonge ekparolis kun ĝoja mieno:

— Mi supozis komence, ke vi intencas ĉasi ĉi tie. Multe da ili... ĉasistoj veturas ĉi tien por mortigi birdojn. Mi ĉiam fermas la okulojn kaj kovras la orelojn per la manoj por ne aŭdi la pafsonojn kaj la mortkrion de la vundita birdo kaj por ne vidi sangon!... Brr!... Mi timas...

— Kaj nun kion vi supozas pri miaj intencoj?

— Nu, mi vidas, ke vi estas sinjoro senlabora, kio pro enuo decidis veturi la herbejon, aŭ, eble, vi estas pentristo... Antaŭ unu jaro ĉi tien alveturis unu sinjoro, kiel li pentris!...

Nur li estis neparolema: li sidis dum tutaj tagoj super siaj koloriloj kaj silentis...

— Imagu, Tjúva, vi eraris! — mi diris. — Mi estas ĉasisto!... Mi celas pafmortigi multe — multe da birdoj, ankaŭ vian leporidon...

— Ne, ne!... — li laŭte ekridis, ĉesinte remi. — Nun vi ne povas trompi min. Per kio vi pafos? Ĉu per mia ĉapaĉo?...

— Mi intence kaŝis pafilon ĉi tien, — mi montris la vojsaketon.

— Ne, ne!... Pafilo estas granda, longa... neniu povas kaŝi ĝin en saketo! Mi vidadis pafilojn!... — same ĝoje kaj vigle li ridis.

*(Daurigota.)*

# LA PROMENANTINOJ[1]

ANDRÉ LICHTENBERGER



Sur la granda urbo, en la blulazura ĉielo, la printempa suno estis subiranta. Malpeza venteto mallaciĝis de la jam forta varmo de la tago. Trairante la popolamason, la veturilo ruliĝis, sekvate de la aliaj. La tri virinoj silentis.

La unua, *Madame*[2], ekparolis; ŝi diris:

— Tiu ĉi vespero estas bela.

Ankoraŭ tro emociita, la markizino de Crussol d'Amboise malfacile retenis plorsingulton. La markizino de Senozan, pli kvieta, respondis:

— Vere, *Madame*, kiel vi diras, ĝi estas bela vespero.

Madame daŭrigis:

— Jam de multaj tagoj mi ne spiris liberan aeron. Ŝajnas al mi kvazaŭ mi estus malsanulino, kiu faras sian unuan eliron de resaniĝado — sinjorino de Sénozan respekte aprobis — kaj kiu baldaŭ estos resanigita el ĉiuj siaj doloroj.

Sinjorino de Crussol ektremis. Madame ekrigardis ŝin kun milda kompato. Ŝi daŭrigis, volante distri ŝin, kaj sin turnante al sinjorino de Sénozan:

— Ĉu vi ne ĵus admiris la elokventecon de majstro Chauveau-Legarde? Koncerne min, mi forte ŝatis ĝin. Estas vere, ke mi ne aŭdis niajn famajn oratorojn de la malnova parlamento.

Sinjorino de Sénozan respondis:

— Miaj sepdek ses jaroj vidis multajn homojn kaj aferojn. Certe la nunaj oratoroj ne egalas tiujn de la estinta tempo. Mi gardas la plej belan memoron pri sinjoro Duval d'Eprémesnil. Majstro Linguet, la laŭjara historiisto, estis ankaŭ facilparolanta oratoro, kvankam li estis nur talarulaĉo. Ambaŭ, aliparte, malbonuzis iafoje sian elokventecon. Eble mi povus prefere citi mian fraton, sinjoron de Malesherbes...

— Tiu ĉi — diris Madame ne estas granda nur per la vortoj. Lia lasta parolado estis ago, kaj ago de heroeco. Ĉu ne estas vere, sinjorino? — ŝi daŭrigis, rigardante kun kvieta rideto sinjorinon de Crussol kies vizaĝo reprenis sian kutiman aspekton.

Sinjorino de Sénozan respondis la unua:

— Mia frato faris nur sian devon; sed li faris ĝin. De dek kvin tagoj, li havas la rekompencon kiun li meritis, kaj kiun, se Dio volas, ni, malpli grandaj, havos ankaŭ post momento.

Sinjorino de Crussol aprobis per la kapo: kaj refirmiginte sian voĉon, ŝi diris siavice:

— Se al mi estas permesate paroli, mi diros, Madame, ke pli ol la elokventecon de Majstro Chauveau-Lagarde, mi admiris antaŭ ne longe la noblegan movon, kiu igis vin paroli favore por tiu malfeliĉa sinjorino de Sérilly.

Madame ridetis:

— Ni lasu tion. Mi pensis ke ŝi ŝuldis al la infano, kiun ŝi portis en si, la oferon de sia sekshontemo kaj de sia soifo al ripozo.

Oni estis turniĝanta ĉe la angulo de la strato. Ĉie estis nombrega popolo. Konfuzaj krioj supreniris. Malantaŭ la veturilo homoj kuris.

Sinjorino de Crussol, hontante pro sia energiomanko, diris kun indiferenta mieno, rigardante la popolamason:

— Tio ĉi rememorigas al mi la lastajn tagojn dum kiuj ni loĝis en *Versailles*. Mi ne havas mian flarflakonon. Jam antaŭ ne longe mi ĝin bezonis, en momento de malforteco kiu kaptis min. La ĉeesto de tiuj ĉi homoj min igas pli forte bedaŭri ĝian maleston.

— Ĉu vi ne dezirus — ŝerce diris markizino de Sénozan — ke ni returniĝu por serĉi ĝin?

Sinjorino de Crussol ridetis plej afable.

— Vi ne dezirus — diris Madame — ke filino de Franclando returne iru por serĉi la flakonon de unu el siaj sinjorinoj? Tiu manko al la etiketo estus kruela.

[1] Epizodo el la franca Revolucio de 1789. El la romano „Tous héros".
[2] Tie ĉi „Madame" montras la fratinon de Louis XVI.

— Okaze de tio, markizino — diris sinjorino de Crussol — akceptu la apologion kiujn mi ĵus preterlasis prezenti al vi. Enveturigante, oni igis min pasi la unua. Nu, pro via aĝo mia devo estis lasi vin pasi antaŭ mi.

La markizino ofendetite respondis:

— Ne estas nur mia aĝo, sinjorino, sed precipe la rango de mia familo, kiu donas al mi tiun privilegion. Estis, se vi memoras tion, ĉirkaŭ la jaro 1765, diskuto inter la markizoj de Sénozan kaj de Crussol pri ilia rajto pasi la unua, ĉe la milita karuselo kiun aranĝigis reĝo Louis XV. Kaj mia edzo vidis proklamata sian rajton. Sed, en la nuna horo, tiuj estas malgrandaj aferoj, kaj mi tute ne opinias ke vi volis superi min, pasante antaŭ mi.

Sinjorino de Crussol hezitis momente, kaj demandis mallaŭtigante la voĉon:

— Ĉu vi scias kia estos la ordo en la baldaŭa ceremonio?

Madame diris per serioza voĉo:

— Estos ferate, mi kredas, same kiel en la ĉiela lando, mi estos la lasta.

Ili silentis. La domoj estis pasantaj unu post la alia.

Oni estis alveninta al la angulo de la strato de la „Louvre". La veturilo momente haltis tie.

— Jen — diris markizino de Crussol — la juvelisto al kiu la markizo kondukis min por elekti bukon de briliantoj post la festo de mia resaniĝo, ĉe la naskiĝo de mia dua filo.

Sinjorino de Sénozan demandis:

— Ĉu vi mem mamnutris lin, laŭ la maksimo de sinjoro Rousseau el Genève?

— Certe, respondis varme sinjorino de Crussol, kaj ni edukis lin observante la instruojn de Emile. Mi ne havis motivon por bedaŭri tion.

— Ĉu li ne estas en Franclando, nuntempe? diris Madame.

— Li servas ĉe „Monsieur" kiel „mestre de camp". — Subita ventekblovo ŝancelis la kufon de „Madame Elizabeth". Ĝi estis forportata. Sed la „Homo" kiu estis staranta, kaptis ĝin ĉe ĝia flugo kaj volis redoni ĝin al ŝi. Madame faris signon al li por ke li ĝin konservu.

— Jen estas – diris ironie markizino de Sénozan — lakeo tre atenta.

— Ne parolu pri li tiutone. Eble li ne elektis sian profesion. — Mi dankas vin, mia amiko, diris Madame parolante al la „Homo".

Poste returniĝinte al siaj honorsinjorinoj:

— Mi ĉiam bedaŭregis la manieron kiel iuj nobeloj agis kontraŭ siaj servantoj. Eble multe da malfeliĉoj naskiĝis el tiu insultanta aroganteco kaj tiu malestimo.

Sinjorino de Crussol murmuris:

— Vi estas tiel bona, Madame.

Sed sinjorino de Sénozan respondis:

— Mia aĝo permesas al mi Madame, malgraŭ la respekto, esprimi al vi, ke, kontraŭe, estas eble ke ĉar oni ĉesis teni sian rangon, fariĝis eblaj niaj malfeliĉegoj. Nenio pli faciligis tiun fatalan utopion de egaleco ol la ŝajnigo de la afabla familiareco kun malaltranguloj. La diferencoj estas kreitaj de la volo de Dio: oni ne obeas al ĝi, se oni volas ilin forigi.

Madame Elizabeth ridetis:

— En la ĉiela lando, markizino, ni estos ĉiuj egalaj. Tamen eble estas ambicia la aspiro: alproksimiĝi al ĝi sur la tero. Baldaŭ ni tion scios.

Sinjorino de Crussol ripetis per maŝina voĉo:

— Baldaŭ ni tion scios.

Poste oni vidis ŝiajn lipojn moviĝeti. Ŝi preĝis mallaŭte.

Madame Elizabeth demandis al ŝi:

— Ĉu vi ne volas diri altvoĉe viajn preĝojn por ke ni partoprenu en ili?

— Mi ne povus.

— Se mi tion kuraĝus, — diris sinjorino de Sénozan, — mi humile petegus vin, Madame, fari tiun servon al ni.

— Nu, — diris Madame, — mi faros tion.

Kaj ŝi preĝis per firma, kvieta voĉo. Ŝi petis kuraĝon, rezignacion kaj pardonon. Ĉe ŝiaj paroloj mildeco malsupreniris en la korojn, Oni sentis ke ŝi estis kun Dio. La „Homo" viŝis larmon. La du virinoj, kun okuloj mallevitaj, aŭskultis religie: iliaj blankiĝintaj kapoj trovis sian protekton en ŝi, tute juna. Kiam ŝi estis fininta, ili dankis ŝin per kortuŝitaj vortoj.

Per malrapidigita irmaniero, la veturilo estis laŭiranta la lastajn domojn de la „St Honoré" strato.

La vizaĝoj estis releviĝintaj. Tiu de Madame havis ĉielan serenecon, dolĉigita estis tiu de sinjorino de Sénozan; rekuraĝigita, tiu de sinjorino de Crussol.



Viggo Johansen — Mia Edzino kaj mia filino

— Ni alproksimiĝas, — diris tiu ĉi.

— Efektive, — konfirmis sinjorino de Sénozan. Baldaŭ ni estos alvenintaj. Tamen, en tiu ĉi veturilo la vojo estas longa.

— Mi memoras, — diris sinjorino de Crussol, — ke iam la grafo de Artois[3] vetis fari ĝin dum dek minutoj en malpeza veturilo al kiu li jungis sian anglan trotĉevalon Buckingham. Li gajnis sian veton.

— Mia frato, — diris „Madame Elisabeth" — havis bonajn ĉevalojn, kaj lia plezuro estis igi ilin kuri.

Sinjorino de Sénozan diris severe:

— Mi ne aprobis tiun modon imiti en ĉio la anglojn.

— Certe, — diris „Madame Elisabeth" — estis tio blinda entuziasmo.

Oni estis turniĝanta ĉe la angulo de la strato St Florentin.

Brilega per lumo, nigra per popolamaso, la placo aperis; grandega murmuro disvastiĝis.

Sinjorino de Crussol senkoloriĝetis:

— Ah! jen estas la placo Louis XV.

— Ne, — diris sinjorino de Sénozan, — la placo de la Revolucio.

Kaj per rapida ekrigardo ŝi montris objekton faritan el tabuloj, kiu staris tie.

La tri virinoj interŝanĝis rigardon kaj ridetis unu al la alia. „Madame Elisabeth" kaj la markizino de Sénozan rekomencis preĝi. Sinjorino de Crussol. kun streĉaj okuloj restadis senmova.

Repuŝita de la ĝendarmoj, la popolamaso duiĝis.

Malrapide paŝante, la veturilo ruliĝis al la mezo de la placo, kie staris tiu stranga konstruaĵo; tri aliaj veturiloj sekvis. Nun estis solena silento. Oni aŭdis nur la frapon de la hufoj de la ĉevaloj kaj la grincon de la radoj.

Poste la procesio haltis.

„Madame Elizabeth" leviĝis:

— Ni estas alvenintaj, — diris ŝi.

Per senŝanceliĝa paŝo, ne apogante sin sur la brakon de la „Homo", ŝi malsupreniris. Sinjorino de Crussol posteniĝis por lasi la markizinon de Sénozan pasi antaŭ si, sed la „Homo" faris signon al ŝi iri la unua.

— Vi vidas, markizino, — ŝi diris, — mi devas ankoraŭ ofendi vin.

„Madame Elisabeth" estis sidiĝinta ĉe la fino de benko, apud ŝtuparo kiu kondukis sur la objekton el tabuloj. Flanke de ŝi venis sidi sinjorino de Crussol, poste sinjorino de Sénozan, kiu rigardis ĉirkaŭ si kun fiera mieno. Poste sidiĝis tiuj kiuj malsupreniris el la aliaj veturiloj. „Madame Elizabeth" estis lokita tiamaniere, ke por atingi la ŝtuparon, oni devis pasi antaŭ ŝi.

Malforta tremo estis rekapinta sinjorinon de Crussol. „Madame Elizabeth" prenis unu el ŝiaj manoj en la sian. Ili restis tiel dum kelkaj minutoj. Sur la estrado oni aŭdis krakojn de traboj, bruojn diversajn de viroj kiuj moviĝadis; la klakon pezan de aĵo kiu falis kaj kiun oni poste relevis. Estis tie dissemita ligna segaĵo kaj en angulo specoj de grandaj korboj...

Kaj subite, sinjorino de Crussol sentis malpeze frapi sur ŝian ŝultron. La „Homo" estis antaŭ ŝi. Ŝi komprenis kaj diris:

— Ah!

Ŝi leviĝis:

— Madame — diris ŝi, kliniĝante antaŭ „Madame Elizabeth" — ĉu vi faros al mi la lastan favoron almeti viajn lipojn sur mian frunton?

Madame metante siajn du manojn sur ŝiajn ŝultrojn, milde, tri fojojn, kisis ŝin. Poste ŝi diris:

— Ni renkontos unu la alian post momento, mi havas fidon pri tio.

Tiam sinjorino de Crussol kliniĝis ankoraŭ, kaj senmalfortiĝe suriris la lignan ŝtuparon. Oni aŭdis tra la placo longan murmuron; poste estis seka klako, bruo de mallaŭtigata falo; kaj denove pli granda murmuro kiu diskreskis, kiel la susuro de la maro, senfine.

Poste sinjorino de Sénozan antaŭenpaŝis kun trankvila mieno. Ŝi iris kiel en la salonoj de Versailles kaj, pasante antaŭ Madame, ŝi fleksiĝis en kortega riverenco. Poste venis vice la homoj el la aliaj veturiloj. Oni estus povinta kredi sin ĉe iu reĝa akceptado. Ĉiu kliniĝis antaŭ Madame, kisis ŝian manon kaj ricevis de ŝi kelkajn vortojn de bona amikeco aŭ rideton. La maljuna grafo de Sourdeval klinis antaŭ ŝi siajn sesdek naŭ jarojn; sinjoro Mégret de Serilly sekvis lin; poste la juna de Loménie, kiu ĝentile, kun genuo tere, kisis la reĝan manon; poste venis lia patro. Madame kisis sinjorinon de Rosset kaj la markizinon de Lengle. Sinjorino de Montmorin kaj ŝia filo, dudek-du jara, antaŭenpaŝis. Madame diris al ili: Vi estas feliĉaj esti kunigitaj en tia tago.

Kaj la patrino respondis fleksante la genuon:

— Sub la flugilo de sanktulino.

Pastro lin sekvis: tial Madame siavice kliniĝis, kaj li benis ŝin. Estis ankaŭ malnobeluloj, farmaciisto nomita Georges Follope, Hall, Denise Buard, la juna Bullier kiu havis nur dudek unu jarojn, kaj aliaj ankoraŭ. Por ĉiuj ŝi havis parolojn de mildeco kaj de kompato; kaj rekuraĝigite ili iris kiel al festo. Ĉiam post tio ke iu estis suririnta la ŝtuparon, estis la samaj surdaj bruoj kaj la samaj murmuroj de la popolamaso.

Nun dudek estis pasintaj; poste dudek unu, dudek du, dudek tri. La vicirado estis finita.

Tiam rapide, „Madame Elizabeth" de Franclando leviĝis kaj diris.

— Mia vico estas veninta, ĉu ne vere?

Kaj ŝi antaŭensaltis sur la ŝtuparon el ligno. Alveninta sur la estrado, ŝi ekrigardis la maron de svarmantaj kapoj kaj la subirantan sunon de „floreal"[4] kiu ridetis en la printempa Parizo.

Kiam ŝia kapo ruliĝis sub la tranĉilego de la gilotino, oni vidis blankan kolombon kiu forflugis, kaj bonodoro de ĉielaj rozoj disŝutiĝis en la aeron.

El la franca: *M. Tyken*

[3] Frato de Louis XV.

[4] Flormonato, nomo de monato dum la Revolucio.

# DONNA-LIZA

MARJA CZESKA

Lasta tago karnavala!

Belkolora maskita popolo kuradas en la stratoj de Piza, floroj falas, rido sonas, flamaj ridardoj kruciĝas.

La vivo bolas, muĝas per ekscitita ondo senhalte... Ŝajnas, ke dum momento la ekzistoĝojo rompis la digojn de ĉiutagaj zorgoj, ĉagrenoj, konvenecoj kaj ŝanĝis la homojn en aron de gajaj infanoj, ĝojplenaj, vivantaj per la momento.

Kvazaŭ svarmo de belkoloraj papilioj flugas tra la aero faskoj de floroj. En ĉielarkaj koloroj miksiĝas strangaj vestaĵoj, komikaj aŭ belaj maskoj.

En fenestro de l'dorma ĉambro Liza Corti apogiĝinte sur la brakon de maljunulo, de la kuracisto, rigardas la koloran, ĝojfrenezan ridantan popolon... tie malsupre. Ankaŭ ŝian vizaĝon kovras masko, sed ne metis ĝin sur la knabinan vizaĝeton ŝerco karnavala. Lepro ŝanĝis la iam belegan solfilinon de Pietra Corti en plej malfeliĉan estaĵon de l'mondo...

Eĉ la maljuna kuracisto, flegante ŝin jam depost jaroj, skuiĝis malgraŭvole, kiam li deprenis ŝian maskon, kaj ĉiam ekprenis lin senfina kompato pri la malesperiĝinta patro kaj pri tiu infano bedaŭrinda, al kiu li ne povis doni esperon pri resaniĝo.

La nigraj okuloj ore brilantaj rigardas en la enpensan vizaĝon de l'kuracisto tra larmoj:

„Tiu strato hodiaŭ... signifas por mi, kion signifas por homo pro malsato mortanta la vido de tablo plenigita por festena regalo, ĉe kiu sidiĝi oni ne permesas al li!"

Ŝi reŝovis sin sur la kanapon, kaŝante la vizaĝon en silkaj kusenoj.

Li klinis sin al ŝi, metante sian tremantan malgrasan manon sur la oran ondon de ŝia hararo:

„Trankviliĝu, infano."

Ŝi levis la kapon.

„Ni scias... ne en via potenco kuŝas la revenigo de miaj beleco, sano, rajtoj pri la feliĉo, pri la vivo, sed vi povus fari tiel multe por mi... se vi nur volus..."

„Mi? por vi, Liza!..."

„Jes... vi, por mi... Ja ankaŭ vi kelkiam kompatas la mizeran Liza! Diru mem, kion mi havas de mia vivo? Mi estas senheredigita el ĉiuj ĝiaj donacoj... Ha, tie, ĉu vi aŭdas? La homoj ridas, ĝojas, amas, kaj mi? mi rigardas el malproksime, klopodante kaŝi la vizaĝon en faldoj de l'fenestraj kurtenoj, por ke mia aspekto ne falu disonance en tiun potencegan akordon de l'ĝojo. Kaj tiel okazas ĉiam, ĉiam! Milojn da floroj ĉirkaŭĵetas la popolo ĝojkrianta, en la fenestrojn de l'najbaraj palacoj hajle flugas la rozoj... sed eĉ ne unu el tiuj rozoj purpuraj erare flugos en la fenestron de Liza Corti... ne por ŝi estas la bonoj de l'vivo... ne por ŝi ĝiaj ĝuegoj, ne por ŝi la floroj... Ho, mallongigu tiujn suferojn!"

Dolora plorado ekskuis ŝian gracian figuron, la malgrandaj ardantaj fingroj ekprenis la manojn de l'kuracisto.

„Morton! silenton! forgeson! Jen la tuta sola bono, pri kiu mi rajtas same kiel la aliaj... ho, se vi volus, doktoro" — korŝire malgaja rigardo leviĝas al li petegante — „vi... povus ĝin doni al mi!"

Dum mallonga momento la serioza vizaĝo de l'kuracisto malheliĝas. Ekkuras penso... donu al ŝi tiun trankvilon, tiun pacon... vi povas, sufiĉas kelkaj gutoj de herba veneno...

„Ne permesite," flustras alia voĉo en lia animo, „ne permesite. Eĉ se vi scius, ke tiu juna vivo estos unu sola suferado, unu malrapidema mortiĝado, ne estas permesite al vi mallongigi ĝin eĉ je minuto. La Diaj kaj homaj leĝoj malpermesas tion... ĉiu devas eltrinki sian kalikon de maldolĉeco ĝisfunde."

Estas permesite mortigi beston malsanan, por ke ĝi ne suferu... pro kio tiun saman faron de indulgo oni rifuzis al la homo?

Kompato senfina trapenetras la kuracistan ani-



L. Tuxen — Portreto de pentristo Kröyer

mon, liaj okuloj preskaŭ malgraŭvole ĉirkaŭprenas la gracian, statuobelan figuron de l'knabino... Kiel longe ankoraŭ?... kiel longe?

Florojn velkantajn oni fortranĉas. Feliĉaj floroj!...

„Kompatinda infano... ne estas permesite al mi, ekzistas agoj, kiujn malpermesas leĝoj, la kompato tiam portas la signon de l'krimo."

„Kruelaj! Malveraj leĝoj! — En milito estas permesite elŝiri al homoj en plena evoluo la vivon... kaj tio nomiĝas heroeco, sed al homo senespere malsana mallongigi la suferojn de malrapidema mortado ne estas permesite, ĉar estus peko! Teruraj estas la homaj leĝoj, doktoro... Ho se vi scius, kia turmento por mi estas la vivo!"

„Infano mia... en ĉiu homa animo estas sangaj vundoj kaj ne ekzistas homo, kiu eĉ ne unu fojon en sia vivo vokus la morton kiel solan liberigon... kaj tamen..."

„Kaj tamen?"

„Ili plu vivas... ĝis la templimo, kiun Dio destinis, ĉar tiel ni devas..." ripetas la voĉo de l'maljunulo kun senmezura mildeco. „Tiel ni devas, Liza..."

Tra la pezaj faldoj de l'fenestraj kurtenoj ĝisvenis gaja tintado de arĝentaj sonoriletoj, ĝojplenaj ekkrioj de la popolo.

Donna Liza reiris al la fenestro.

Hej! Jen, kiel la vivo bolas, renversiĝas, bruadas!

La tremantaj manoj konvulsie tenas la faldojn kurtenajn...

Ha jen... arlekeno flustras ion al gajigita hispanino, lia brako zonas ŝian talion... En la movo, per kiu dum momento la virino alpremiĝas al lia brusto, kuŝas mondo de sindono, de amo...

Sorĉita, ne akirebla mondo... en ĝiajn misterojn donna Liza rigardos neniam.

Unu fojon baniĝi en tiu ridado! Unu fojon vivi kiel aliaj... forgesi la signojn de l'malfeliĉo... nur unu fojon...

Aŭskulti pasian flustradon de l'amo. Sur brusto ripozi .. Sur lia brusto...

Donna Liza vidas revante staturon de artisto fremdlanda, kiu jam de unu semajno pentras sub ŝia fenestro, vidas okulojn helbluajn, klarajn kiel ĉielo, junan, kuraĝoplenan vizaĝon.

Sorĉita, neakirebla mondo!

En malespero senforta kunpremiĝas la blankaj manoj, kaj ploras ŝia animo.

Se unu fojon... unu solan fojon!

En la memoro de donna Liza pasintaj tempoj viviĝas, sunplenaj tagoj de l'infaneco, kaj poste... Ŝi memoras, kvazaŭ tio okazus hodiaŭ: sunplena, belega posttagmezo, sveniga per odoro de rozoj malfermiĝintaj... — Malnova muro per konvulvulo kovrita kaj malantaŭ ĝi, maskita estaĵo, el kies malespere larmantaj, frenezaj okuloj mondo dolora elrigardas. La koro de l'malgranda Liza pro kompato ekbatis, ŝi kliniĝis super la muron kaj en la etenditan manon de l' malfeliĉa virino ĵetis almozon. Sur la eta mano de l' infano ekbrulis dankeme ardantaj lipoj de l' lepromalsana virino, kaj tiam por Liza komenciĝis Golgoto kaj daŭras jam jarojn... Pasis la tempoj, kiam plimalgrandigis la senton de l' malfeliĉo multekostaj ludiloj, la amo de l' patro. Liza evoluis anime kaj fizike kaj ekkomprenis la tutan grandegecon de sia mizero. Per stranga kaprico de l' sorto la malsano ĝis nun ne difektis ŝiajn statuajn formojn... nur la vizaĝon... Dio! ŝi mem rigardante en spegulo tiun vizaĝon kun restoj de l' nazo, tiun buŝon senigitan de lipoj, tremis pro abomeno.

Hej! Kiel la vivo bruas! Iri, miksiĝi en tiun homamason. Uno fojon vivi kiel aliaj... hodiaŭ masko kovras ĉiujn vizaĝojn...

Kaj la propran malfeliĉon alporti al aliaj... ne... ho ne...

Do resti?... en sia mizero kun eterna, freneza, ne kontentigita sopiro en la animo?

La alta staturo de norvega fiŝisto ŝoviĝas el la popolo. Donna Liza vidas junan vizaĝon kun kuraĝa esprimo, la helbluajn okulojn de l'junula artisto. Li ĉirkaŭrigardas al la ridantaj maskitoj, en la mano li portas faskon de rozoj purpuraj, kaj nun lerta sicilianino alparolas lin, al Liza flugas la vortoj:

„Al mi donu la florojn, fiŝisto."

„Pardonu, sed tiuj ĉi floroj estas por la plej bela."

„Vi ŝin ne trovis ĝis nun?"

„Ne."

„Sed se vi trovos?"

„Kun la floroj la koron mi donos al ŝi... Sed belega ŝi devas esti kiel Venus el Milo."

„Venus el Milo, el marmoro skulptita, estas malvarma... Via sango ĉe ŝi ne ekflamos, fremdulo, rigardu, rigardu ĉirkaŭ vi tiom da belaj korpoj vivantaj... ne perdu la tempon, kune kun ni amuziĝu."

„Lasu min... vi serĉas amuzon... mi belon."

Donna Liza premas siajn manojn tremantajn sur sian koron freneze batantan.

Unu fojon... unu solan fojon!...

*

En la palaco regas silento... ĉiuj dormas.

En la ĉambro de donna Liza lumas malforte oliva lampeto. En blanka, malpeza vestaĵo antaŭ spegulo staras gracia figuro... La vestofaldoj videbligas la belajn formojn de l' juna korpo... — Du alabastraj brustoj tremetas sub la diafana teksaĵo... perlaj ŝnuroj kune tenas la oran hararon.

Lasta hezito...

Sur la terura difektita vizaĝo de donna Liza fluas larmoj... la blankaj fingretoj premtenas nerve la maskon el nigra veluro.

Tiom ŝi deziras iri por unu fojo dumvive trinki la feliĉon de nokto karnavala... kaj tian timon ŝi sentas en sia animo, ke al aliaj ŝi povus alporti sian malsanon.

Ah... kion!

La nigra masko kovris la detruitan vizaĝon kaj nur la okulo rigardas tra la fendoj de l' masko, belegaj, ore-nigraj, ardantaj kaj nur la formoj logas.

„Kun la floroj la koron mi donos al ŝi. . .“ ripetas la voĉo de l' artisto en la animo de Liza.

Mallaŭte, kun haltigita spirado ŝteliras donna Liza tra la salonoj de l' dormanta palaco, kiel animo ŝi flugkuras sur la malhelaj koridoroj. Nur ankoraŭ kelkajn ŝtupojn... nur ankoraŭ...

„Reiru!“ io en la animo flustras averte, „reiru!“ Ŝia maneto frapas al la pordeto pordista.

„Ellasu min, Antonio.“

Momento de silento, ekbrilo de oliva lampeto... tra malfermita pordo elkliniĝas griza kapo, kaj post ĝi la tuta malgranda kuntiriĝinta korpo de Antonio... ĉe la pala brilo de la lampo li rimarkis la figuron maskitan, diskreta rideto transkuras la razitan vizaĝon.

„Kiu el vi tiel grandmoŝte aspektas hodiaŭ? Per Diô, malgrandulino, kelkiu vera *signore* perdos hodiaŭ sian kapon pro vi.“

El la timpremita gorĝo de Liza rido ŝiriĝas.

„Bona masko... se vidante min ĉiutage, vi ne ekkonas, *padrone.*“

Antonio ŝin rigardas esplore... kaj donna Liza sentas, ke se... li ne volos ellasi ŝin, ŝi senhezite ĉirkaŭprenos per siaj blankaj manoj tiun malfortikan kolon, forĵetos la baron al la libereco. Kiel tigrino ŝi pretiĝas al salto... flaveta brilo ekflagras en ŝiaj pupiloj.

Tintas ŝlosiloj. Antonio serĉas la seruron — ah, kiel longe tio daŭras, al Liza ŝajnas, ke tutajn jarcentojn, kaj li flustras:

„Se vi ne ridus kiel homo, mi pensus, ke Giustina Corti malsuprenvenis el sia portreto en la galerio... por ankoraŭfoje ĝui la karnavalon kaj ankoraŭfoje morti.“

„Morti?!“

„Ĉu vi ne konas la legendon? Giustina Corti, edzino de la praavo de nia sinjoro, mortis la lastan tagon de l'karnavalo . . . ŝia koro krevis. Oni diras, ke ŝia animo de tempo al tempo aperas en nokto karnavala.“

Fine ekgrincis la ĉarniroj... la pordego malfermiĝis...

„Reiru... reiru... ankoraŭ estas tempo!“ io krias en la animo de Liza... kaj la koro tremas sopire kaj time kaj preskaŭ feliĉe.

*Fino sekvos* *Premiita en la Int. Floraj Ludoj en Vich*

---

# ARTO KAJ ARTISTOJ

## PAULO VARSÁNYI: LA EKIRO DE L'MODERNA PENTRARTO EN DANUJO

La naturalismo de Courbet dum sia triumfiro alvenis ankaŭ Danujon, ĉirkaŭ 1880. Tie regis ankoraŭ la tradicia atelierarto, kiu laŭ koloro kaj motivelekto paŝis sur malnovaj, piedpremitaj vojoj. La naturalismo alportis fruktodonan revolucion, kiu forĵetis la eluzitajn, sensangajn tradiciojn. Sekvis sano: la insisto al la fidela figurado pri la Naturo, sed ne laŭ la spirito de l'francaj doktrinoj-sed kun klopodoj al plimulte ideala realismo, trasaturita de la aparta hejma atmosfero. Ĉi tiuj klopodoj donis al la dana arto la bazon, sur kiu ĝi atingis la plej grandan floradon.

*

P. S. Kröyer (1851—1909) estas unu el la plej eminentaj pioniroj, kiu en siaj bildoj fidele respegulas la danan spiriton. Liaj bildoj montras multflankan pentriston. Liaj portretoj — ĉu unuopaj, ĉu grupportretoj pretigitaj laŭgenre — atestas lian grandiozan observ- kaj karakterizkapablon. Liajgenrobildoj prezentas al ni la popolvivon, ĉefe tiun de la fiŝkaptistoj, kun intima enprofundiĝo. Gravaj liaj bildoj estas: „Kvarteto en la ateliero“ (Kristiania, nacia muzeo) „La kunsido de la dana reĝa scienca akademio“, „Sinbanantaj knaboj sur la



Anna Ancher — Misia kunveno

Skagen'a bordo", „La poeto Holger Drachmann", „Fiŝkapistoj ekirantaj al nokta fiŝkaptado", ktp.

L. Tuxen (1853) multe vojaĝadis en Romo, Parizo, Londono, Moskvo, Egipto kaj Palestino, travivante tiom multajn fremdajn impulsojn, ke ni apenaŭ trovas en lia arto fadenojn, kiuj povus lin ligi al la hejma tero. El liaj gravaj verkoj estas la grandaj freskoj de Frederiksborg.

Viggo Johansen (1851) estas eminenta genropentristo. Liaj konataj bildoj estas en la Kjöbenhavn'a muzeo: „Sunsubiro sur la Dragor", „Vespera kompanio"; krom tiuj estas gravaj: „Vizito ĉe la avino". „Ĉe la forno", „Mia edzino kaj mia filino". Ĉi tiuj lastaj montras lin al ni kiel pentriston de la intima familia vivo, al kies la plej belajn inspirojn donis lia hejmo mem.

Michael Ancher (1849) kaj lia edzino Anna Ancher (1859) estas la plej gravaj reprezentantoj de la sana naturalismo. Ili prezentas al ni la vivon de l'fiŝkaptistoj kun sentplena koro kaj granda epika forto. Gravaj verkoj de Michael A. estas: „La Jütlanda akuŝiĝintino", „Kritikistoj", „Patrino kaj filino."

(Daŭrigota)

# MONDLITERATURA OBSERVO

## DU ROMANOJ DE K. ĈAPEK.

La juna ĉeha verkisto Karel Ĉapek estas, malgraŭ sia junaĝo (1890) internacie konata pro siaj dramoj, pri kiuj jam L. M. raportis laŭ angla traduko prezentata en London.* En la jaroj 1922 kaj 1924 li publicis du romanojn, en kiuj li sub groteska rakontaĵo manifestas kaj dokumentas sian pragmatisman filozofion. El la pragmatismo li deduktis al si: se ĉiuj faktoj kaj ve oj estas relativaj, tamen la komplikeco de l' individua homa vivo estas realaĵo, kiu meritas admiron kaj amon, kaj kiu sekve estas vivinda ne pro ia morala leĝo, sed pro sia viveco mem. La homaro ja neniom valoras, sed la homo ĉiom. „Mi devis rompi la bastonon pri homaro por povi ami la homon" diris Ĉapek pravigante sian vidmanieron antaŭ siaj kritikantoj. La romana klarigo de tiu ĉi mondkompreno estas liaj du verkoj titolitaj „Fabriko de absoluto" kaj „Krakatito". La unua temas pri invento de motoro nomita „karburatoro", kie la materio disiĝas je la plej elementaj eroj, kaj per tio grandegaj kvantoj da energio estas produktataj per malgranda kvanto da brulmaterialo. Sed el la funkcio de la nova motoro rezultas malagrabla akcesora produktaĵo: la dio. Se la materio disfalas je siaj plej elementaj partetoj, restas la absolutaĵo, kiu, liberiĝinte, penetras en ĉirkaŭon de la maŝino. Ĉiuj rimedoj ĝin nuligi aŭ limigi montriĝis senrezultaj, ĝi ja estas absoluto, ĝi ja estas dio, por kiu ne ekzistas homaj bariloj, nek homaj pensmanieroj. Kvankam tiu ĉi malagrablaĵo estas sciata de li, la kapitalista grandentreprenisto komencas pograndan laŭserian fabrikadon de karburatoroj. Li donas al la mondo per la novaj maŝinoj malkaran energion, ili estas el Praha eksportataj en la tutan mondon, ili estas malgraŭ la patenta protekto imitataj, la civilizo faris grandan antaŭenpaŝon. Sed ju pli vastiĝas la uzado de la karburatoroj, despli penetras en la mondon dio, la Absoluta. Kaj ĝi povas alporti sole malordon al la homaj ordoj. Mirakloj fariĝas pli kaj pli oftaj. La karuselisto aĉetinta ŝtelitan malnovan karburatoreton por novigi sian karuselon, invitas pro nekonata kaŭzo infanojn kun iliaj vartistinoj por senpaga veturado; la karuselo mem haltas, kvazaŭ per gepatra brakumo enprenas la infanaron, la gurdo eksonas per tia melodio, ke la infanoj, vartistinoj kaj la karuselisto ekvidas la mondon tiel bela kaj vasta, vastega, kiel neniam antaŭe. La bela filino de riĉega domposedanto tuŝita de absoluto ekhavas donacon de kapablo legi la pensojn de homoj kaj, komprenante tiel la voluptemon de la viroj ŝin rigardantaj, fariĝas emfaza predikantino de ĉasteco. — Ja eĉ universitata docento de religiofilozofio finas sian artikolon pri tiaj fenomenoj per arda konfeso pri kredo je persona Dio, barante tiel al si la vojon al la katedro de publika efektiva profesoro. Sed pli grava kaj pli danĝera afero: la homoj, tuŝitaj de dio, perceptis kaj akceptis la dian veron, la absolutan veron, je kiu ili kredis pli profunde ol je la homaj veroj. La absoluta kredo estas senkompromisa; ĉar kia homo estus ja, kiu, sciante la absolutan, la efektivan, la nedisputeblan veron, ne volus ĝin ne nur proklami, sed ankaŭ efektivigi? Mirakloj multiĝas, profetoj naskiĝas; konvinki la proksimulojn pri la unusoleco de ilia absoluta vero: estiĝas la plej arda deziro de la apostoloj, la deziro fariĝas devizo de la apostolanoj. Senrezulta restis konferenco de 6 ĉefministroj de la grandpotencoj, kiu, por ke la konferencantoj povu mediti neinfluate de Dio, kunvenis sur St. Kit, izolita rifo en akvoj de la Norda Polusa Maro. Religiaj bataloj eksplodas en ĉiuj partoj de la mondo. Sudgermanoj kuniĝinte kun Austrianoj proklamas militon kontraŭ la protestantaj Prusoj. La sudamerikaj ŝtatoj ekmilitas kontraŭ Usono postulante forigon de religia libereco kaj de prohibicio. Simpla franca leŭtenanto vivanta en gardposteno, 3000 metrojn super la marnivelo, kien ankoraŭ ne enpenetris la absoluto produktata de karburatoroj, traleginte la ĵurnalajn informojn pri la komenciĝanta ĥaoso dispafigas la karburatorojn, kiujn li renkontas malsuprenirante de sia montaro, purigas tiel sian regionon de dio kaj koncentrigas revolucie la francojn por ekmarŝo konkeronta la mondon. Ekfuriozas La Plej Granda Milito. Tiel ĝin nomis la samtempanoj. Ĉar ĉiu epoko rigardas siajn suferojn kaj sukcesojn la plej grandaj. Dio helpadis en tiu militego al ĉiuj partioj, ĉar ĉiuj por ĝi batalis. Mirakle venadis ventegoj detruantaj zepelinojn de malamiko. Sed ankaŭ same neklarigeble krevadis la venengasmaŝinoj de la alia partio. Kaj la filozofoj de ambaŭ partioj pruvadis nerefuteble, ke la moralo kaj pravo estas en ilia armeo. Neimageblaj estis la suferoj kaj nekalkuleblaj estis la perdoj de La Plej Granda Milito. Sole 6 soldatoj fine restis, po unu el ĉiu militanta potenco. Ili renkontinte diris al si reciproke: „Iru hejmen!" Tiel ili finis La Plej Grandan Militon. Kaj por konservi la pacon kaj bonan socian aranĝon la ŝtatoj poste ordonis detrui ĉiujn karburatorojn, por ke dio ne plu estu produktata. Ĉar la homaro ne povas bezoni tiom da absoluta vero, kiu estas nehoma kaj (eble tial, aŭ kiu scias kial) malutila al la homo. Tion dokumentas la romano pri fabrikado de Absoluto.

Sed — se la homa vero estas la sola afero, kiu meritas atenton kaj aspiron, se la homo mem estas kreanto de siaj veroj eĉ de sia plej alta kaj plej intima vero, — ĉu la homo estas tial morale sendependa kaj memrega? Pri tio instruas la mirindaj aventuroj de inĝeniero Prokop en dua romano nomata Krakatito. Inĝ. Prokop dum 12 jaroj

* Vidu L. M. II. p. 137, 139.

esploradis eksplodajn substancojn, faris multajn gravajn inventojn, kaj elpensis genian terion pri la konsisto de la materio. La materio morta kaj viva estas daŭre en stato de alta streĉo, el kiu ĝi povas esti transigita en staton nestreĉitan per eksplodo, kiu liberigas grandegajn kvantojn da energio. La rimedojn por tiu eksplodigo trovis li. Dum siaj studoj li sukcesis sintezi kombinaĵon de tute eksterordinara eksplodkapablo, kiun li nomis, laŭ la konata vulkano, krakatito. En febra malsano kaptinta lin tuj post la fino de tiu ĉi laboro, li en deliro malkaŝas multajn detalojn kaj la formulon de la krakatito al sia hazarde lin renkontinta ekskolego, malhonesta fripono. Dum Prokop malsanas je meningito kaj resaniĝas flegate de vilaĝa doktoro kaj de lia juna 19-jara filino, la fripona kolego vendas la akiritan scion kaj klopodas laŭ la ŝtelita scio mem sintezi la krakatiton. Senrezulte. Tial la direktoro de grandaj uzinoj de eksplodaĵoj en Baltin, petas, per anoncoj en ĉiuj ĉeĥaj ĵurnaloj inĝenieron Prokop sciigi sian adreson. Prokop dume resaniĝas kaj, preninte la unuan fojon hazarde la tagĵurnalon, legas la vorton Krakatito, ĵus en la plej bela printempa mateno sekvinta post la vespero, dum kiu li unuan fojon kisis la virgan junan filinon de sia doktoro. Li tuj forveturas Prahan, unue, ĉar la krakatito ne povas esti donita al la uzado de iu ajn fabrikanto, ĉar ĝi alportus nemezureblajn suferojn kaj malutilojn al la homaro; due ĉar el lia subkonscio elsaltas imago de belulino, kiun li vidis antaŭ sia malsaniĝo en loĝejo de sia fripona kolego. Ŝin trovi estus plenumiĝo de lia plej alta ama sopiro.

Sed lin trovas la direktoro de Baltin, promesas al li, malriĉulo, monon de kia ajn postulata multo, se li diros por lia uzino la sekreton pri la konsisto de sia eksplodaĵo. Krakatito ja havas tian eksplodkapablon, ke kelkaj polveroj sufiĉus por disbati tutan urbon. Krom tio, ĝi eksplodas per iaj elektraj ondoj, ĝis nun nekonataj, kiuj farus ĝian uzeblecon ankoraŭ pli bona kaj taŭga. Prokop rifuzas, estas ja neeble por homo partopreninta en la mondmilito eldoni el la manoj instrumenton por la pli granda turmento de homoj, sed precipe simpla homo ne povas iel ajn helpi turmenti la ceterajn homojn. Tamen li mem pli poste venas Baltinon, ĉar li, pro la aludoj de la direktoro esperas ekscii tie la nomon de sia nekonata belulino. El la uzino oni ne permesas al li foriron, sed donas al li la plej eblan komforton por plua ĥemia esplorado. Prokop ne estas rompita. La krakatiton li ne eldonos. La princino Wille, filino de la prezidanto de l' Baltinaj fabrikoj, pasia kaj virga, regema kaj humila, ordonema kaj obeanta, ekamas lin en siaj 28 jaroj per sia unua amo, kaj Prokop amas ŝin per vira, kruda volupto. Kaj kiam venas la decida krizo, petas lin ankaŭ ŝi, ke li eldonu la krakatiton kaj fariĝu ŝia edzo. Eĉ por tiu prezo li ne konsentas. La princino tiam komprenas, ke la homa digno konsistas pli certe en sufero kaj sinofero ol en granda faro aŭ en granda gesto. Ŝi englutante larmojn elveturigas lin trans kadavro de fidela servisto el Baltin. kaj revenas sola. Tuj estas Prokop kaptita de Daimon, fantazia riĉegulo, ĉefo de grupo de fantaziaj anarkistoj daŭre reformantaj laŭ siaj vortoj la mondon. En ilia posedo estas de Prokop fabrikita krakatito, kiun Daimon ŝteligis en Baltin, kaj granda elektra stacio kiu estas kapabla produkti elektrajn ondojn de ĝis nun nekonata intenseco, kiuj eksplodigas krakatiton. Daimon montras ĉion al Prokop, kondukas ĝin sur monton, kie staras la elektra stacio, montras al li la mondon dormantan en mallumo, pereigas „la komitaton" de revolucio eksplodigante krakatiton kaj proponas al Prokop: „Nun estas momento por ŝanĝi la ordon de la mondo, por forigi ĉion malbonan kaj anstataŭi ĝin per io nova, pli bona, plaĉanta al vi. La plej grandan potencon, kian iam havis homo, vi posedas: krakatiton, stacion de elektraj ondoj, kaj monon, kiun mi disponigos al vi en kiu ajn kvanto. Nenion mi postulas de vi; mi sole rigardos. Do prenu, kaj transformu la mondon. Vi estos, kiu ĝin ŝanĝos." Ne respondas Prokop, ne akceptas. Homo ja ne povas toleri la konscion pri sia ĉiopoveco. Kaŝe li forkuras kaj migras al sia ekskolego kiu ŝtelis liajn informojn pri la konsisto de l' krakatito, por ricevi de li sciigon pri sia nekonata amatino. La kolego klopodas en fabrikejo konkurenca kun Baltin fabriki la krakatiton laŭ malhoneste akiritaj scioj· Prokop venas al la barilo de la uzino en la momento, kiam lia fripona ekskolego sukcesas sintezigi krakatiton. Sed en tiu momento la ricevita substanco eksplodas pro elektraj ondoj elsendataj de Daimon.

Per tio finiĝas la romano. La aŭtoro poste en formo de sonĝo skizas sole la koncepton de Prokop pri sia tragika kulpo: Tro fiera li estis, pro tio neniam li vidos sian sopiratan amatinon. Sed honesta li estis. Sed al honesteco ankoraŭ humileco estas bezonata. Anstataŭ fari grandan inventaĵon elradikigontan la mondon, li klopodu trovi ion, kio ŝparos la suferojn de simpla homo. *Kamaryt.*

---

# BIBLIOGRAFIO

KVIN BELE KARTONITAJN VOLUMOJN

ni ricevis de la eldona firmo *Ferdinand Hirt & Sohn*, en Leipzig (Germanujo).

Tiuj kvin verkoj aperis en la kolekto de l'„Internacia Mondliteraturo" de la Esperanto-fako, submetita al la gvidado de nia bone konata samideano Prof. D-ro Johano Dietterle, direktoro de la Esperanta Instituto por la Germana Respubliko.

La kvin volumoj estas la sekvantaj.

1. WILHELM RAABE: LA NIGRA GALERO

El la germana originalo tradukis *Fritz Wicke*. — 2-a, korektita eldono,

Jen leginda historia rakonto, kiun S-ro Wicke bonege tradukis en nian lingvon. Vere, oni tuj, unualege facile komprenas la tekston de tiu ĉi verko, kvankam legate ĝi faras la impreson, ke la tradukinto klopodis fidele konservi kelkajn parolturnojn de la originalo. Tiu cirkonstanco ne malhelpas la klarecon, kontraŭe ĝi donas, al la stilo ian strangebelan ĉarmon, kiun la enprofundiĝinta leganto ĝoje ĝuas.

Zorge serĉante, oni certe trovas en la libro riproĉindaĵojn; feliĉe ili estas malmultnombraj kaj negravaj. Hazarde mi citas unu tian: „Je sia loko staras la estro de la Nigra Galero, la brilan glavon en la mano . . ." (p. 54) Tiu akuzativo *brilan glavon* ne estas tre plaĉanta, mi preferus diri: *kun brila glavo*. Sed, mi ripetas, tiaj makuletoj tute ne difektas la verkon; ĝenerale la stilo estas bona kaj elasta.

Kelkajn neologismojn ankaŭ oni trovas en la libro, kiujn eviti — ni konfesas — estis malfacile.

2. ŜALOM-ALEĤEM — PEREC: HEBREAJ RAKONTOJ:

El la hebreaj originaloj tradukis *Is. Mučnik*, membro de la Esperantista Lingva Komitato.

Multaj samideanoj jam konas la nomojn, kiujn portas la titolpaĝo de tiu ĉi libro; el la verkoj de Ŝalom-Aleĥem ili jam certe legis kelkajn disajn novelojn, same kiel el tiuj de Perec. Ankaŭ la nomo de l'tradukinto ne estas fremda por ni. Tradukonte tiujn naivajn novelojn specialajn, S-ro Mučnik entreprenis agrablan, sed ne tre facilan taskon: li — kiel li mem rimarkigas en sia Antaŭparolo — klopodis konservi la ĵargonecon de la lingvaĵo de l'originalo. Ĉu li plene sukcesis en tio, ni ne povas certigi, ne konante la lingvon de l'originalo; sed ni kredas, ke li bone plenumis tiun taskon. Efektive, kelkloke, en la verko, oni renkontas esprimojn nekutimajn — tamen el gramatika kaj stila vidpunkto ĝustajn — kiuj, dank' al la mirinda fleksebleco de Esperanto tamen estas. . . esperantaj. Entute samideano Mučnik faris utilan laboron, por kio li meritas nian gratulon.

La libro enhavas po kvin rakontoj de ĉiu el la du aŭtoroj, krom tio, aforismojn de Ŝalom-Aleĥem.

3. J. W. V. GOETHE: HERMANO KAJ DOROTEO

Eposo idilia. El la germana originalo tradukis *Benno Küster*. — 2-a, korektita eldono.

La esperantistoj havis jam la plezuron legi en nia lingvo la ĉefverkon de la nemortema Goethe; unuafoje ĝi aperis en la jaro 1911, en majstra traduko de nia bedaŭrata samideano Benno Küster (li mortis en la jaro 1916, post longa malsano, en Breslaŭ, Germanujo). La verko estas tradukita en heksametroj, kaj en *pure daktilaj heksametroj*, kio estas — laŭ la vortoj mem de l'Antaŭparolo de D-ro Dietterle, kiu trakorektis la verkon — „procedo des pli admirinda, ĉar la manko de unusilabaj vortoj (krom la personaj pronomoj, kelkaj konjunkcioj, prepozicioj, interjekcioj kaj adverboj) treege malfaciligas la esperantigon de la heksametra formo... Precipe admirinda estas ankaŭ la fakto, ke Küster nenie, eĉ ne unufoje, apostrofis la „o"-n de la substantivo." Kaj se, tie ĉi kaj tie, la teksto estas iom negliĝa, tio ja estas pardonebla, konsiderante la belegan versformon, per kiu la tradukinto faris veran majstrolaboron. *pdl.*

4. WASHINGTON IRVING: EL LA SKIZLIBRO

El la angla: H. L. Elvin.

Ĝoje mi salutis en la libro la faman noveleton pri Rip van Winkle, kiu per la samtitolita opreto, farita laŭ ĝi, fariĝis mondfama. Same en ĝi, kiel en la aliaj noveletoj agrabla rakontisto amuzas nin, iom sentimentala, sed ĉi tio ne estas lia ĉefa trajto. Li estas humoristo kaj — bonhumoristo. Belan horon mi dankas al li.

La tradukinto bone estras la lingvon, la frazoj fluas nature kaj facile. Kelkaj akuzativoj ŝajnas al mi manki, sed tio ne malutilas tro la tekston. Mi nur timas, ke la stilon li iom grizigis. En traduko (en mia nacia lingvo) mi trovis multloke pli freŝajn, pli ter-odorajn esprimojn. Mi konscias, ke estas malfacile trovi al ili ekvivalenton. Sed *tamen trovi* — estas merito: plukreo de la lingvo! *—las.*

5. CHAMISSO: LA MIRINDA HISTORIO DE PETRO SCHLEMIHL

El la germana originalo tradukis Eugen Wüster. Eldonejo: Ferdinand Hirt und Sohn, Leipzig, Esperanto-Fako.

Esperanto-traduko de la mondfama, preskaŭ en ĉiun kulturlingvon tradukita verko. Libro el la romantika periodo de la germana literaturo, libro kun ekstreme fantazia, romantika temo. Petro Schlemihl renkontas en la ĝardeno de iu sinjoro, ĉe kiu li serĉas okupon, grizfrakan sinjoron, kiu je granda miro kaj ektimiĝo de Schlemihl prenas el sia poŝo la plej diversajn aĵojn: grandan lornon, dudek paŝojn longan kaj dek paŝojn larĝan turkan tapiŝon, tendon kun la feraĵoj, ŝnuretoj, stangoj kaj fine tri belajn, grandajn rajdoĉevalojn. Nia Schlemihl tute terurite volas sin forŝteli el la ĝardeno, sed li ree renkontiĝas kun la grizulo, kiu aĉetas la ombron de Schlemihl kontraŭ monsaketo neniam elĉerpebla. Kaj nun komenciĝas la tragikaj suferoj de Schlemihl. Li ne kuraĝas iri tra sunbrilaj aŭ de luno heligitaj lokoj, ĉar oni pririds, mokas lin. Nur la fideleco de lia servisto Bendel faciligas por li la vivon. Ankaŭ la patro de lia amatino ne donas sian filinon al homo senombra, ĉar: „Ĉiu pudelo ja havas sian ombron, nur la edzo de mia kara infanino ne havu tion?" La grizulo emas redoni la ombron al Schlemihl, sed nur por kontrakto transcedanta al li la animon de Schlemihl. Schlemihl kontraŭstaras la tenton, aĉetas hazarde sepmejlobotojn, forĵetas la monsaketon kaj loĝante en Afriko dediĉas sian vivon al la scienco, rezignante je amo, kaj je ĉiu interrilato kun homoj.

Kion simbolas la ombro ludanta ĉefrolon en tiu ĉi stranga historio? Chamisso naskiĝis franco kaj fariĝis germana poeto. Kaj multfoje oni rigardis lin perdinta sian patrujon — sian ombron. Sed ĉi tiu signifo de la simbolo nuntempe jam ne estas tre aktuala kaj la nuna leganto alie solvas ĝin: la ombrohavantoj ne toleras la senombrulojn — la filistroj ne toleras tiujn, kiuj diferencas de ili. Sed kiom da legantoj, tiom da opinioj. La simbolo estas pli ol la intencita signifo de l' aŭtoro, ĝi spegulas ankaŭ la sentojn, ideojn de la ĉiama leganto.

La libro tre interesos ankaŭ tiujn, kiuj ne serĉas simbolojn, sed nur volas legi malenuigan, fantastikan historion.

Ĝi memorigas la leganton pri Gullivero de Swift, ankaŭ en ĝi interese kunfandiĝas la mirakla aero de la popolfabelo kun la satira moko de la verkisto. Sed ĝia satiro estas multe pli milda, pli komprenema kaj pardona ol tiu de Swift.

La traduko estas bonstila kaj preciza. Tamen kelkaj notetoj: La uzo de „elpagi" anstataŭ „pentofari" estas riproĉebla; Anstataŭ „fugi" oni devus uzi „fuĝi" por eviti la konfuzon kun la muzika esprimo: „fugo". La vorto „unuaĵeco" (paĝo 62) tute ne kompreneblas.

*L. Totsche*

J. ŜAPIRO

Babiladoj de Bonhumora Zamenhofano. Rekomendita de E. L. A. Dua eldono. Eldonejo: J. Ŝapiro, Bialystok.

Tre bonhumoraj satirikaj priskriboj de l' Esperanto-vivo. Mokeme ĝi pritraktas la fondon de novaj gazetetoj, la societan vivon, aŭ pli trafe esprimite la „societan malvivon". Pleje sukcesis la „Terura sonĝo" priskribante la ĝeneralan kunsidon de iu Esperanto-societo, la tipoj esperantistaj en ĝi iom karikature karakterizitaj estas tuj rekoneblaj kaj multe amuzas la leganton. Tre spritaj kaj karakterizaj estas la nomoj de l' tipoj, ekzemple: Fraŭlino Ridemoviĉ, S-roj Kritikoviĉ, Skandalulov, Fundamentistov, Historiulov k. t. p. La karikaturaj bildoj pliigas la favoran impreson de la leganto.

Estas mirinde, ke Esperanto-vivo tiom malmulte inspiris ankoraŭ ĝis nun niajn verkistojn (ne konsiderante la poemojn), kvankam ĝi donus sufiĉan temon por seriozaj romanoj kaj eĉ pli multon por satirika verkisto. Kvankam ĉi libro ne estas multpretenda ĉefverko, tamen ĝi estas valoraĵo de l' Esperanta satirika literaturo kaj donas favorajn promesojn pri l' estonta agado de l' aŭtoro sur la kampo de satiro. Ĝia lego estas rekomendinda al ĉiu esperantisto dum liaj amaraj horoj (kiuj kutimas insidi kelkfoje preskaŭ ĉiujn seriozajn esperantistojn), ĉar estas aferoj, pri kiuj pliindas ridi, ol serioze meditadi.

Per sia flua, frapanta Esperanta babilado la libro apartenas al la plej bonstilaj verkoj de l'Esperanta, literaturo kaj tial ĝi estas tre rekomendinda ankaŭ por komencantoj volantaj sin ekzerci en la lingvo.

---

## KORESPONDO

*Korespondi* kun klera esperantistino pri la influo de la mondmilito kaj postmilitaj revolucioj je la pensmaniero de virinoj, deziras *Dro Ko Broder, Varsovio, Marszalkowska 44 (Polio).*

---

## NIA KUNLABORANTARO

*Louise Briggs (Armley), J. Grau Casas (Barcelona), Helmi & Hilda Dresen (Tallinn), Nikolao Hohlov (Zagreb), Ivan H. Krestanoff (Dresden), A. Mazzolini (Fermo), Jan van Schoor (Antwerpen), Paul Medem (Kaunas), Tiberio Morariu (Bucuresti), Paul Nylén (Stockholm), Emma L. Osmond (London), Petro Stojan (Chisinau), M. Solovjev (Novi Sad), Dro Leono Zamenhof (Varsovio), Paulo Varsányi (Budapest), Raymond Schwartz (Paris), J. Jurista (Czénstochovo), Stanislaw Braun (Lodz), Henriko Seppik (Tallinn), Julio Werner (Budapest), Daniel Eyquem (Paris), Zanoni.*

*Responda redaktoro: Dro Teodoro Schwarcz.*

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró